# O BRASIL ESPERANTISTA

ORGÃO OFICIAL DA "LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA" — Sociedade de utilidade pública.
NOVA FASE DO "BRAZILA ESPERANTISTO"

Número 82-84 (367-369) | Telegrafa adreso: ESPERANTOLIGO | Outubro-Dezembro 1944

Redator responsável: Dr. Carlos Domingues Telefone — 42.4357

Administração e redação: Praça da República, 54-sob. Rio de Janeiro. Brasil.

Gratuito para os sócios da Liga. Eksterlande: Unu dolaro aŭ 15 respondkuponoj.

# DEKA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

## RIO DE JANEIRO — DE LA 14a ĜIS LA 22a DE APRILO 1945a

### KVINA KUNSIDO

Je la 8a de decembro lasta, en la sidejo de la Nacia Konsilantaro de Geografio, sub la prezido de S-ro Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares, okazis la kvina kunsido de la Organiza Komitato. La Dua sek., F-ino Maria da Luz Costa, legis la protokolojn de la du lastaj kunsidoj, kiuj estas aprobitaj. D-ro Mário Riter Nunes, unua sek., prezentis al la komitatanoj la Libreton, kiu enhavas detalajn informojn pri la Kongreso, inkluzive la Regularon de la Brazilaj Kongresoj de Esperanto, la Administran Regularon por la Deka kaj ties provizoran programon. Tiu ĉi libreto, kiun presis la presejo de la Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko, jam estas dissendata al ĉiuj kongresanoj, kies nombro tiam jam superis du centojn. S-ro A. Couto Fernandes, prez. de BLE, proponis, ke oni metu en la protokolon kondolencan esprimon pro la morto de la fervoraj esperantistoj Inĝ. Hernani Mota Mendes kaj Prof. Jônatas Serrano, kiuj jam estis aliĝintaj al la Deka.

Poste oni parolis pri la propagando de Esperanto en kelkaj amerikaj landoj. Tiam Prof. J. B. de Melo e Sousa diris kelkajn vortojn pri sia vojaĝo al Argentino, kie li povis konstati la viglecon de la tiea Esperanto-movado. Oni decidis sendi gratulan leteron al S-ro Emilio Pfeffer, direktoro de la "Instituto de Esperanto", kun sidejo en Montevideu, pro ĝiaj Bultenoj de Propagando, kaj danki la bonan propagandon faritan de la ĵurnaloj



D-RO L. L. ZAMENHOF

"A Noite", el São Paulo, kaj "A Tribuna", el Santos.

Oni decidis, laŭ proponoj de S-roj Couto Fernandes kaj Mário Ritter Nunes, transdoni senpagan kongreskarton al S-roj Prof. Everardo Backheuser kaj D-ro Venâncio da Silva, respektive prez. kaj vicprez. de BLE; S-roj Prof. Domingos Barbosa, redaktoro de "Jornal do Brasil"; Renato Americano, direktoro de la Presejo de I.B.G.E.; Antônio Teixeira de Freitas, statistika ĉefo ĉe tiu ĉi Instituto; D-ro Maciel Pinheiro kaj Gastão Cintra, el la Radistacio de la Edukada Ministerio, kaj Joaquim Viana, ĉefo de la poŝta cenzuro.

S-ro Ambasadoro Macedo Soares komisiis S-ron Ismael G. Braga, ĝen. sek., por redakti leteron al S-ro Ambasadoro José Roberto Macedo Soares, ĝen. sek. de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj, petantan la cedon de la salono de Palaco Itamarati por tie efektivigi la malferman kaj ferman kunsidojn de la Kongreso. Poste li, kiel prez. de la Historia kaj Geografia Instituto, kiu decidis aliĝi al la Kongreso kiel bonfarinta institucio, cedis ĝiajn ĉambrojn por la instalo de la ekzpozicioj kaj laboraj kunsidoj de la Kongreso.

S-ro Couto Fernades proponis, ke oni metu en la programon, kiel neoficialan parton, la faradon de meso kaj prediko. Li rememorigis, ke dum antaŭaj kongresoj faris meson kaj predikis dum la Evangelio la jenaj famaj oratoroj, nome: D. Benedito de Souza, kiam li estis Epikopo en Vitória, kaj Monsinjoroj Benedito Marinho, Gonçalves de Rezende, Francisco Mac Dowell kaj Felício Magaldi. Post la aprobo de tiu propono S-ro Ambasadoro Macedo Soares elektis, por inviti por tiuj taskoj S-ron Episkopon D. Mamede, S-rojn Couto Fernandes, kaj Antônio dos Santos Malheiro.

D-ro Mário Ritter Nunes sciigis, ke la Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko decidis eldoni propagandan libreton por larĝa dissendado dum kaj post la Kongreso, kiu elmontros la Facilecon, la Utilecon kaj la Oportunecon de Esperanto. Por superdirekti la organizadon de tiu libreto estas elektita Prof. J. B. de Melo e Souza.

Ĉar ne ĉeestis la kunsidon S-ro Délio Pereira de Souza, kasisto de la O.K., F-ino Irani Baggi de Araújo, helpkasisto, legis la bilancon, kiun li organizis.

## Bonvenon al la liberigitoj

Hodiaŭ estas la kvina de Septembro, kaj dum mi skribas la jenajn liniojn mi min demandas, "kia estos la politika situacio kiam oni legos ilin"? Nuntempe ĝi ŝanĝiĝas de tago al tago, eĉ de horo al horo. Nur unu afero ŝajnas certa, kaj tio estas ke denove ni povos bonvenigi gesamideanojn loĝantajn en landoj kun kiuj ni ne povis interrilati dum longa tempo. Estos ĝoja tago kiam ni povos persone diri al ili "Koran saluton, amikoj!" Intertempe ni povos korespondi kun ili kaj ambaŭflanke ĝui la renovigitan kontakton.

Ni aŭdis (kaŝe!) ke en multaj lokoj oni daŭre laboris por Esperanto malgraŭ malfacilaj cirkonstancoj. Tamen, estos por ili, same kiel por ni, tre kuraĝige ricevi novajon pri ĉio, kion faras la aliaj. Ni esperas ke ili estos kontentaj pri tio, kion ni faris por alten teni la standardon. Treege interesos nin scii kion ili faris, kaŝe, malfacile. Kaj precipe estos grave scii, kion ni povos fari por helpi unu la alian montri al la ekstera mondo ke Esperanto estas kultura faktoro, kiu povos multe helpi al ĝi en la postmilita periodo.

Por ĉio ĉi estos necese havi kontakton, havi ian ligilon. Ni ja scias ke multaj el niaj antaŭaj membroj re-aliĝos al I.E.L. tuj kiam tio estos ebla, ĉar ili deziros la jarlibron kaj la gazeton. Tamen, multaj tre suferis dum la lastaj jaroj: ili perdis hejmojn, karajn familianojn, okupojn — kredeble ili suferas pro manko de financaj rimedoj. Spite ĉion, ili volos re-aliĝi al la samideanaro; ili volos ricevi novajon. Certe, multaj el ni en la pli bonŝancaj landoj deziros helpi al ili plenumi tiun deziron. Jen plano tiucele.

Ni intencas starigi liston de tiuj samideanoj kiuj estas pretaj pagi la kotizon kiel Membro-Abonanto en 1945 de samideano en unu el la liberigitaj landoj, kiu ne povas mem fari tion. De la Ĉefdelegitoj en la koncernaj landoj ni havigos listojn de tiuj antaŭaj membroj malbonŝancaj. Poste ni interrilatigos "adoptonton" kun la "adoptoto", kaj espereble tiamaniere kreskos bona amikeco inter multaj paroj en diversaj landoj. Kompreneble, se iu adoptonto preferas resti sennoma, ni respektos lian preferon.

Membroj kiuj deziras tiamaniere helpi samideanojn estas petataj sendi siajn nomojn al la oficejo de I.E.L., kun preferindiko pri la lando de la adoptoto. La kosto al Britoj estas po naŭ ŝilingoj por ĉiu adoptoto. En aliaj landoj oni pagu la sumon indikitan kiel MA-kotizon por la propra lando en la dua parto de la jarlibro, baldaŭ eldonota.

C. C. G.

(*El "Esperanto Internacia"*)

# ZAMENHOFA TAGO

La solena Memorfesto de la 85a naskiĝa datreveno de D-ro L. L. Zamenhof, kiu okazis la 17an de decembro lasta en Rio de Janeiro, en la aŭditorio de la Nacia Muzika Lernejo, el la Brazila Universitato, havis vere admirindan kaj ĉarman sukceson. Ĝin ĉeestis pli ol okcent personoj, el kiu granda nombro da neesperantistoj. Ĉar la salono estas tre vasta, D-ro Enéas Machado de Assís, Direktoro de la Divizio pri Radio, de la Deparemento de Gazetaro kaj Propagando, laŭ peto de la Organiza Komisiono de la Festo, ĝentile instaligis en konvenaj lokoj du laŭtparolilojn kaj komisiis elektriston por ĉeesti la solenajon.

La direktoro de la Nacia Muzika Lernejo, Prof. Antônio de Sá Pereira, ĝentile cedis la salonon, kaj ĝia administranto, S-ro Dutra e Melo, faciligis al la Organizanto ĉion necesan por pli bona brilo de la Festo.

Tiu ĉi, kiu konsistis el Literatur-muzika Kunsido, kiun prezidis S-ro A. Couto Fernandes, estas organizita sub la patronado de la Brazila Ligo Esperantista, Metropola Unuiĝo de la Studentoj, Asocio Esperantista de Meyer kaj Universitata Horo. La Unuiĝo kunigas ĉiujn studentajn direktoriojn de la Superaj Fakultatoj de la Brazila Universitato funkciantaj en Rio de Janeiro kaj la Universitata Horo, disradiata ĉiusabate de la Radisacio PRA-2 de la Ministerio de Edukado, estas dependa de la Studenta Direktorio de la Nacia Muzika Lernejo. Estas ĝia direktorino F-ino Rosa Finkelstein, kiu organizis la muzikan parton de la kunsido.

La solenajo komenciĝis per la esperantista himno, fortepiane ludita de la studentino F-ino Arlete Jordão da Costa, kiun ĉiuj aŭdis starante.

La literatura parto de la programo konsistis el Saluto al la Studentoj, farita en Esperanto en la nomo de la lernantoj de Esperanto de la studento S-ro *Onésimo Faria;* Parolado farita en la nomo de la Metropola Unuiĝo de la Studentoj de la akademiano S-ro *Elpídio dos Reis;* paroladeto titolita "Esperantistoj kaj Esperantajoj", farita de Prof. *J. B. de Melo e Sousa*, kiu rememorigis la nomojn de la pioniroj de la Esperanto-movado en Brazilo; kaj parolado pri "Vivo, Ideoj, Logiko kaj Verko de Zamenhof", legita de S-ro *Ismael Gomes Braga*. Ĉiuj parolintoj estis entuziasme aplaŭditaj.

La muzika parto konsistis el kantoj en portugala, itala, franca kaj esperanta lingvoj, kantitaj de F-ino *Yara Coelho*, kun akompano per fortepiano de F-ino *Arlete Jordão da Costa;* muzikajoj luditaj per violono de S-ro *Adolfo Pissarenko* kaj solajoj luditaj per orgeno de la profesoro de la Instituto S-ro Antônio Silva.

Finiĝis la festo per la "Fantazio de la Brazila Nacia Himno", de Gottschalk, majstre ludita de la pian-instruistino de la Muzika Lernejo S-ino Yolanda Vilhena Ferreira. La aŭdantaro aplaŭdis kun entuziasmo ĉiujn geludintojn.

Sidis ĉe la prezidanteca tablo, krom la prezidanto kaj la paroladintoj, F-ino Rosa Finkelstein, D-ro Carlos Domingues, S-ro Délio Pereira de Sousa kaj S-ro Haroldo Leite Pinto, prez. de la O. K.

La Organiza Komisiono ricevis gratulajn telegramojn de S-roj Ministroj de Eksterlandaj Aferoj kaj Edukado, de la Usona Ambasadoro kaj de la Pola Ministro, kiu ankaŭ sendis reprezentanton al la solenajoj.

Niajn korajn gratulojn al la membroj de la Organiza Komitato.

### ESPERANTO EN URUGVAJO

El S-ro Pedro Casas, peranto de I.E.L., ni ricevis la jenan leteron: "Grandplezure mi vin komunikas la urugvajajn novajojn pri la Esperanto-movado. Nun funkcias tri interesaj kursoj en Montevideo, gvidataj de la samideanoj D-ro Pfeffer, S-ro V. Cao kaj profesoro M. Fernández, kun preskaŭ 70 lernantoj.

Aperis monate, gvidata de Dr. Pfeffer, tre interesa paperfolio enhavanta tre interesajn artikolojn de la plej famaj pensuloj pri Esperanto.

Mi aperigis kelkajn longajn artikolojn en la jurnalo "La Tribuna Popular", unu el la plej gravaj jurnaloj en nia lando.

En septembro okazis tre interesa ekspozicio de esperantajoj ĉe la Urugvaja Esperanto Societo. Preskaŭ ĉiuj jurnaloj publikigis artikoletojn pri la kursoj kaj ekspozicio.

La unua eldono de la hispana ŝlosilo elĉerpiĝis kaj nun aperis la dua eldono tre plibonigita, kiun eldonis ankaŭ U. E. S.

Ankaŭ funkcias regule kaj profite la perpoŝta kurso. En *Rivera* nia samideano kaj delegito de IEL, S-ro Mario Prestinari, gvidas malgrandan kurson"

# 85a DATREVENO DE LA NASKIĜO DE ZAMENHOF

En la memoriga festo pri la 85a naskiĝa datreveno de nia Majstro, S-ro Ismael Gomes Braga faris longan paroladon en kvar ĉapitroj pri la vivo, la ideoj, la logiko kaj la verko de Zamenhof, kies resumon ni prezentas ĉisube.

VIVO. Lazaro Ludoviko Zamenhof naskiĝis en la dometo n.º 6 de la strato Zielena (=Verda), en la urbo Bialystok, Litovujo — tiam parto de la rusa Imperio—en la 15a de decembro 1859, kaj mortis en la domo n.º 9 de strato Dzika (=Sovaĝa), en Varsovio (tiam ankaŭ apartenanta al Rusujo), en la 14a de aprilo 1917. Ambaŭ tiuj stratoj nun havas la nomon de Zamenhof. La patro kaj la avo de la Majstro estis instruistoj de lingvoj kaj li mem fariĝis rimarkinda lingvisto jam en la juneco. En la naskurbo de Zamenhof oni parolis kvar lingvojn kaj la homoj vivadis en apartaj lingvaj grupoj, kiuj malamis unuj aliajn, tial la juna genulo decidis, ke li dum la vivo laborados por eviti tiun malbonon kaj li plenumis sian decidon.

Li edziĝis en la 9a de aŭgusto 1887 kun fraŭlino Klara Silbernik, kiu lin fervore helpis dum la tuta vivo.

Li estis malriĉa kuracisto kaj multe penadis por havigi al si rimedojn por vivi kaj propagandi sian ideon. Nur dum 13 jaroj, de 1900 ĝis 1913, li havis prosperan ekonomian situacion, dank' al honorarioj tiam ricevataj kiel aŭtoro pro verkoj eldonitaj de Hachette et Cie. Tiun laboron ĉe Hachette et Cie. gvidis Carlo Bourlet, kiu mortis en 1913a, kaj tiam la firmo ĉesis ĉiujn eldonojn en Esperanto kaj depost tiu tempo Zamenhof ne plu ricevis aŭtorajn honorariojn.

IDEOJ. La ideoj de Zamenhof estis optimisma filozofio. Li kredis je la fina triumfo de la bono kaj la pravo; tial li prezentis nur esperplenajn pensojn al siaj aŭskultantoj kaj legantoj. Li sendis memuaron al la Kongreso de la Rasoj, efektivigita en Londono en 1911, klarigante ke la paco, la amo kaj la bono povas esti starigitaj en la mondo, nur kiam la homoj posedos komunan lingvon kaj komunan religion, kaj ke tiujn ambaŭ proprajojn la homaro iam posedos. En 1913 li publikigis sian broŝuron "Deklaro pri Homaranismo" plenan de optimismo kaj espero, ke la homoj jam formos unu solan grandan familion por kunlabori kaj ami unuj aliajn anstataŭ malhelpi kaj malami. En 1915 li skribis nefermitan leteron al la Diplomatoj, konsilante la aplikadon de homamaj ideoj en la pactraktato post la tiama milito por eviti novajn militojn kaj starigi pacon kaj amon inter la homoj. Bedaŭrinde la Packontrakto ne uzis tiujn konsilojn kaj nova milito nun okazas, precize kiel li antaŭvidis.

LOGIKO. En tempo kiam la mondo ne povis kredi je la triumfo de lingvo artefarita, Zamenhof per forta kaj severa logiko konvinkis la homojn, ne nur ke la homaro iam havos lingvon internacian artefaritan kaj eĉ ke tiu lingvo estos Esperanto. Liaj argumentoj estis tiam nur logikaj, sed la postaj faktoj montris, ke lia logiko estas preskaŭ profeta, ĉar ĝi ebligas al ni antaŭvidi faktojn en estontaj tempoj.

Lia rezonado estis ĉiam klara, trafa, nekontraŭstarebla. Liaj tezoj estas ĉiam majstroverkoj de logiko.

VERKO. La ellaborado de la projekto de lingvo internacia, kiam la Aŭtoro estis tre juna, preskaŭ knabo, estas iel mirinda, ĉar neniam iu alia faris verkon tiel perfektan antaŭ nek post li. Ĝi montras lian genian inteligenton. Tamen, lia plej granda verko estas ne la projekto mem, sed ĝia defendado dum tridek jaroj kaj la literatura preparado. Jen originale verkante, jen tradukante majstroverkojn el diversaj lingvoj en la plej diversaj stiloj, en prozo kaj verso, jen korektante verkojn de aliaj esperantistoj, li preparis klasikan literaturon vere mirindan por Esperanto. Li brave defendis la ideon en tre malfacilaj tempoj kaj pene vojaĝis al ĉiuj Universalaj Kongresoj de Esperanto, efektiviĝintaj dum lia vivo.

Se ni ne povas imiti lin en preparado de lingva projekto, ĉar la novaj projektoj venus post la tempo, kvazaŭ la penoj eltrovi Amerikon en la dudeka jarcento, ni tamen povas kaj devas imiti lin kiel propagandiston, organizanton, verkiston. Por ĉiuj estas ankoraŭ gloraj taskoj en Esperantujo.

# SALUTO AL LA STUDENTOJ

Karaj kolegoj miaj,

En la 17a de novembro jus pasinta, ni rememoris la "Internacian Tagon de la Studentoj". En tiu tago, kiel via kolego, mi havis la sinceran plezuron sendi al vi leteron deklarante mian solidarecon kun vi, kaj tion mi faris en nia gepatra lingvo. En la hodiaŭa memoriga festo, tamen, mi vin salutas en la nomo de la lernantoj de Esperanto, kiuj ankaŭ estas tie ĉi, kaj tial mi alparolas vin en la neŭtrala lingvo internacia, tiele farante honoron al la nemortebla Doktoro Lazaro Ludoviko Zamenhof.

Nia renkonto en tiu ĉi tradicia ĉambrego de la Nacia Lernejo de Muziko, en la Universitato de Brazilo, por festi kune alian daton universale rememoratan, ne estas nura formalaĵo. Ni estas tie ĉi kun la plej vivanta sento de homa solidareco, en la spirito de la vera kompreno de la konkordo kaj de la frateco. Tiu ĉi estas feliĉa kunveno por ni, ĉar en la ĉirkaŭprenoj, kiujn nun interŝanĝas, kunfandiĝas niaj ardaj koroj de junaj idealistoj amantaj la evolucion.

Ni estu certaj, ke tiu ĉi ekzemplo de komprenemo de la verko de Zamenhof, fare de la brazilaj studentoj, ricevos aplaŭdon, apogon kaj aliĝon de la studentoj de aliaj nacioj; ĉar ĉiuj studentoj havas sinceran amon al siaj kolegoj de la aliaj partoj de la mondo kaj scias, ke la gejunularo estas neelĉerpebla fonto de energio naskanta progreson.

Karaj junaj geamikoj, havinte la feliĉon naskiĝi spirante la liberan kaj puran aeron de la Amerika Kontinento, kie floras la plej belaj akiroj de la civilizacio, ni montros al la mondo ke la homoj estos des pli feliĉaj, ju pli ili forlasos la metodojn de la imperialismo.

Ni ne forgesu, precipe ni brazilanoj, ke ne nur la imperialismo de la armiloj devas malaperi de sur la tero; ankaŭ la lingva imperialismo estas granda malfeliĉo por la popoloj; ĝi subpremas pli ol la ekonomia, politika kaj milita imperialismoj, ĉar ĝi trafas rekte la inteligenton kaj devigas la konscion submetiĝi al fremduloj, kiuj nin juĝas intelekte malsuperaj ol ili.

La nuna gejunularo de la mondo estas ponto inter du jarmiloj. Ni, la nunaj gejunuloj, transportos de la nuna al la venonta jarmilo la proprajojn de la homaj akiroj en la sfero de la inteligento kaj amo. Kiel veturilon por transporti la intelektajn akirojn, ni havas Esperanton; por transporti la amon ni nur lasu la koron plenumi siajn noblajn aspirojn kaj transdoni al aliaj la noblajn manifestadojn de la Animo.

Ni ne refaru erarojn de la pasinteco, sed ame prenu la novajn idealojn, ĉar nur tiuj ĉi lastaj povos vere konstrui Novan Mondon.

Antaŭen, kolegoj kaj geamikoj! Antaŭen!

La estontaj generacioj benos nin kaj ni plenumos nian plej grandan devon al la Homaro.

*ONÉSIMO DE FARIA*

(Farita okaze de la 85a naskiĝa datreveno de D-ro L. L. Zamenhof).

## LA METROPOLA UNUIĜO DE LA STUDENTOJ KAJ ESPERANTO

El la Saluto al la Brazilaj Esperantistoj farita de S-ro Elpídio dos Reis, reprezentanto de la "Metropola Unuiĝo de la Studentoj", okaze de la Festo en la "Zamenhofa Tago", ni elĉerpis kaj tradukis esperanten la jenajn pecojn:

"Sinjoroj Esperantistoj! La Metropola Unuiĝo de la Studentoj estas kun vi!

Via gesto alkondukanta la studentojn de la Federacia Distrikto — en kies nomo mi parolas al vi — por aktive partopreni en tiu ĉi solenaĵo je internacia karaktero, vekis en la universitata klaso senton de danko kaj entuziasmo. Estas kun plezuro, ke ni respondas la etendon de viaj manoj, per kora saluto, ĉar ni de longe konas la esperantistan idealon, kiu estas saniga pro sia deveno, sincera pro konvinko; ni scias pri via batalo por la internacia neŭtrala idiomo, kiu pli kaj pli unuigos la popolojn, per konstanta ĉirkaŭpreno de monda frateco.

La partopreno de la Metropola Unuiĝo de la Studentoj en la memorfesto de la "Zamenhofa Tago", en intima kunlaborado kun la lernantoj de Esperanto kaj ĝenerale kun la esperantistoj, ne estas nur ideala apogo al gravega afero; ĝi estas pli ol tio ĉi. Ĝi estas pli ol tio ĉi, ĉar ni, la studentoj, sentas, ke la oficialigo de internacia lingvo, pere de interakordiĝo inter la popoloj, estas urĝa neceso, postulita de nia epoko. Same ni rekonas, ke internacia idiomo, pro kristalaj pravoj, devas esti neŭtrala al ĉiuj nacioj, kiel estas Esperanto, ĉar nur tiamaniere povos la intelektuloj en la tuta mondo egale ĝui la samajn profitojn.

Tial ni forĵetas la ideon permesi al iu ajn nacio la hegemonion de sia idiomo super la ceteraj, ĉar tia fakto signifas lingvan superregecon de la nacio, kiu ĝuos tiun hegemonion.

Estas en la Fakultatoj, kie ni studas la sociajn fenomenojn kaj estas ankaŭ en la akademioj, kie pli intensiĝas la domaĝoj, kiujn alportas al la studoj la lingvaj malakordiĝoj, kiuj malebligas al ni pli bonajn observojn ĉe la grandaj konkeroj de la Homaro.

Valoraj majstroj ekzistas en ĉiuj landoj, sed pro la samaj kaŭzoj ni ne povas ilin rekte konsulti tra iliaj verkoj.

Estas oportune rememorigi, ke, se estas en la universitatoj, ke ni komencas nin senti eniĝintaj en la Homaron, estas ankaŭ tie, kie pli bone ni komprenas la patriotan devon, la moralan respondecon levi tre alte, ĉe la opinio de aliaj popoloj, la valoron de la brazila patrujo.

Estas pro tio, ke ni manifestas nian solidarecon al la brazilaj kaj al la tutmondaj esperantistoj, ĉar ĉiuj estas, ĉiu en sia lando, fervoraj defendantoj de la nacia idiomo flanke de la internacia neŭtrala lingvo kreita de la genia pola Lázaro Luiz Zamenhof, kies 85an naskiĝan datrevenon ni festas hodiaŭ.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Ni esperas, ke tiu ĉi manifestado de la universitatanoj el la Brazila Ĉefurbo estu la komenco de perfekta intelekta interŝanĝado inter la tutmondaj studentoj kaj la esperantistaro.

Fine, ni devas ripeti tion, kion ni diris komence: Sinjoroj esperantistoj! La Metropola Unuiĝo de la Studentoj estas kun vi!"

# ĈINUJO KAJ ESPERANTO



**Pastro Johano Baptisto Kao**

*Al Ĉiuj Brazilaj Esperantistoj*

Karaj kaj Estimataj Samideanoj:

Kiel Esperantisto el Ĉinujo, nun vojaĝanto en via lando, mi elkore salutas vin Ĉiujn Brazilajn Esperantistojn.

Antaŭ kelkaj tagoj mi alvenis en via granda kaj bela lando, kie mi intencas vojaĝi dum du aŭ tri monatoj. Mi esperas konatiĝi kun multaj el vi en diversaj grandaj urboj, kiujn mi vizitos, kaj mi deziras vidi viajn organizojn kaj koni viajn klopodojn por la movado. Jam delonge mi aŭdis pri viaj sindonemaj kaj nelaceblaj agadoj por disvastigi Esperanton, kaj bone scias ke la movado en via lando estas tre vigla.

Malnova Esperantisto mi estas. Jam de 1925 mi eklernis Esperanton, kaj deposte mi ĉiam interesiĝis pri nia movado, kaj mi organizis la "Ĉina Katolikan Esperantistan Asocion". Dum mia restado en Eŭropo de 1930 ĝis 1938, mi havis okazon partopreni diversajn internaciajn kaj naciajn Esperanto-Kongresojn kaj mi ankaŭ prelegis Esperante en multaj landoj. Dum mia restado inter vi, mi estos je via dispono por prelegoj pri Ĉinujo, se vi tion ŝatus.

Mi atingos vian ĉefurbon eble post unu monato, ĉar mi deziras viziti unue la famkonatan regionon de Amazono kaj kelkajn grandajn urbojn de Norda kaj Centra Brazilo.

La grandaj festoj de Kristnasko kaj Novjaro ja alproksimiĝas, mi do faros specialan preĝon ke Dio donu al vi ĉiuj dum tiu ĉi sankta sezono ĝojon, pacon kaj feliĉon.

Via amiko el Ĉinujo

(*sub.*) *Pastro Johano Baptisto Kao*

*NOTO DE LA REDAKCIO. Tiu letero estas sendita de la ĉina katolika Pastro Johano Baptisto Kao, Doktoro en Filozofio kaj Vikario de la Apostola Vikarieco de Fengsiang Shensi (Ĉinujo), el Belém, Pará, kie li estas nun, al D-ro Carlos G. Domingues, respondа redaktoro de "O Brasil Esperantista". Li estas esperantisto de la jaro 1925, jam ĉeestis diversajn naciajn kaj universalajn kongresojn kaj prelegis esperante en diversaj landoj. Krom en sia nacia lingvo, li flue parolas en la portugala, hispana, itala, franca, angla, latina kaj esperanta lingvoj. Al li ni varme salutas kaj atendas lian alvenon al Rio de Janeiro, por persone lin resaluti.*

*La Prez. de B.L.E. sendis al S-ro Francisco Falcão, delegito en Belém, telegramon petantan, ke li faru viziton al Pastro Kao kaj lin salutu en la nomo da la brazila esperantistaro.*

*Bonegan propagandon pri la vizito de la ĉina Pastro faris "Pernambuco Esperantista". Pere de sia fratino S-ino Gilson Medeiros, nun loĝanta en la ĉefurbo de Ŝtato Pará, F-ino Artemiza Vidal de Araújo ricevis leteron akompanatan de saluto al la brazila samideanaro senditan de Pastro Kao. Tiam "Pernambuco Esperantista" eldonis specialan broŝureton enhavantan liajn portreton kaj biografion kaj kopiojn de lia korespondaĵo kaj tiun de saluto de la pernambukaj esperantistoj titolita "La grandaj Simpligantoj". Oni atendas lian viziton por fari al li bonan akcepton.*

# EKSKURSO AL PETRÓPOLIS

Laŭ iniciato de la "Associação Esperantista do Meyer" aro da geesperantistoj loĝantaj en Rio de Janeiro, ĉiuj membroj de "Brazila Ligo Esperantista", faris, la 15an de oktobro, ekskurson al Petrópolis, la bela montara urbo, por viziti la geanojn de la jus fondita "Petropolisa Esperanta Grupo". Alveninte al tiu somera urbo la ekskursantoj estis akceptitaj de la lokaj geesperantistoj, kaj per specialaj omnibusoj, ĝentile ceditaj al la vizitantoj de S-ro João Varanda, direktoro de la "Rodoviária", ili veturis al Quitandinha, kie staras la konata Hotelo, kies instalojn ili vizitis. Tie la estraro de la Hotelo ilin regalis per tagmanĝo, vera festeno, en kiu partoprenis pli ol kvardek geesperantistoj. Dum la manĝo parolis S-ro Aquiles Lan do Carmo, kiu salutis la vizitantojn en la nomo de la loka grupo; D-ro Mário Ritter Nunes, sekretario de BLE, kiu dankis al D-ro Wilson Soares, direktoro de la Entrepreno Quitandinha, la oferon de la tagmanĝo, kaj al la estraro de la "Petropolisa Esperanta Grupo" ĝian saluton; S-ro A. Couto Fernandes, kiu toastis je la memoro de Zamenhof, kaj S-ro Délio Pereira de Sousa, prez. de la "Associação Esperantista do Meyer", kiu faris la honoran toaston al D-ro Getúlio Vargas, Alta Patrono de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto.



*Tagmanĝo ĉe Hotelo Quitandinha*

Post la tagmanĝo veturis la geesperantistoj al la sidejo de Grupo Escolar Pedro II, kie okazis kunsido, kiun prezidis S-ro A. Couto Fernandes, Prez. de BLE. Parolis D-ro Ovídio Cunha, Lerneja Inspektoro, kiu elmontris sian sinceran aliĝon al la Esperanto-movado kaj faris alvokon al la Petropolisa instruistaro, por ke ĝi sin dediĉu al la propagando de la genia kreitajo de Zamenhof; Prof. Trindade Filho, kiu salutis la lokan instruistaron, tie reprezentatan de D-ro Ovídio Cunha, kaj S-ro Délio Pereira, kiu prezentis la senkulpigojn de Prof. J. B. de Melo e Souza, kiu devis fari paroladeton kaj ne povis ĉeesti, kaj paroladis pri la internacia lingvo, montrante ĝian grandan valoron por cementi la fratecon kaj la pacon inter la homoj.

S-ro Couto Fernandes ekposedis la estraron de la Grupo, kiu estas filiita al BLE kaj konsistas el la jenaj personoj: S-ro José Varanda — prez., D-ro Francisco Manoel da Rocha — vicprez., S-ro Aquiles Lan do Carmo — unua sek., S-ro Odilon Rocha — dua sek., S-ro Manoel Bragança Santos — unua kas., S-ro Ranulfo Gomes — dua kasisto. Poste li donis rapidan lecionon, montrante la simplecon de la gramatiko de Esperanto kaj la feliĉan organizadon de ĝia vortaro.

Sidiĝis sur la prezidanteca tablo, krom la prezidanto, d-ro Ovídio Cunha, S-ino Germana Gouveia, direktorino de la Lerneja Grupo, S-ro José Kopke Fróis, direktoro de la urba Biblioteco, D-ro Mário de Paula Fonseca, S-roj José Varanda, A. Lan do Carmo, Délio Pereira de Souza, Prof. Trindade Filho kaj Kolonelo João Duarte da Silveira, unu el fondintoj de la samnoma grupo, kiu, inaŭgurita en la jaro 1907a, estis la organizinto de la Tria Brazila Kongreso de Esperanto, okazinta en Petrópolis en 1910.

Per la vagonaro, kie forveturis je la 15a, revenis al Rio de Janeiro la ekskursintoj, en kies koroj regis vera ĝojo pro la ĝentila akcepto, kiun faris al ili la Petropolisa samideanaro.

La gazetoj "Tribuna de Petrópolis", "Jornal de Petrópolis" kaj "Pequena Ilustração" faris grandan propagandon de la ekskurso kaj ankaŭ de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto.

## *POEZIAJOJ*

El la keĉua lingvo:

### PERUANA SERENADO

Vekiĝu; ĉu vi dormas ja?
Aŭskultu, ne malĝojigu min;
mi jam konfesis kaj nun rediras,
ke mi sopiras
kaj tre sincere amas vin.
Kor' mia tremas
kaj ĝemas,
kaj deziras
vidi vin, ho karulin' !

El la araba lingvo:

### PROVERBOJ

"Estis" estas vorto, kiu nin enuas,
se ĝi por l' estonto ion ne konstruas.

Ne ĉiam tuta restas poto
post forta bato aŭ post froto.

Se la potoj ne rompiĝus,
novaj potoj ne troviĝus.

Amo kaŝas la difektojn
kaj malkovras nur perfektojn.

El la tupia lingvo:

### KANTO ĈE PLENLUNO

Patrino Luno, mi al vi
malkovras miajn pensojn,
kaj petas: sendu ilin for,
ho regantin' de l' noktoj,
kun mia varma rememor'
al l' amatin' de mia kor'.

*Esperantigis F. V. Lorenz.*

NEKROLOGO

## JÔNATAS SERRANO

Mortis Jônatas Serrano. Lia morto estis sentata en diversaj fakoj de lia socia aktiveco. Fervora katoliko, li okupis gravan postenon ĉe la Agado Katolika, precipe ĉe la fako "kinematografo", kies filmaj recenzoj estis tre ŝatataj; ĵurnalisto, li verkis diversajn artikolojn en gazetoj, precipe katolikaj; edukisto, li estis profesoro de Historio en Kolegio Petro Dua kaj membro de la Nacia Konsilantaro de Edukado.

Kiel esperantisto, li verkis kaj prezentis al tiu ĉi konsilantaro tre favoran raporton pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Tiun ĉi raporton aprobis preskaŭ ĉiuj konsilantoj (nur unu voĉdonis kontraŭ). Kiam li estis Teknika Direktoro ĉe la Ĉefurba Publika Instruado, li enmetis Esperanton en la eksterlandan interkorespondadon.

Kiel kunlaboranta membro de "Brazila Ligo Esperantista", li profitis ĉiujn okazojn por propagandi la internacian lingvon, al kies Deka Kongreso li aliĝis. Dum kunsido de ĝia Organiza Komitato oni metis en la protokolon kondolencan esprimon kaj D-ro Mário Ritter Nunes, ĝia unua sekretario, legis antaŭ la mikrofono de la Komunumo paroladeton pri li.

Ni elĉerpis kaj tradukis esperanten pecon de la artikolo titolita "Nekonata Paŝtisto" aperinta en "Jornal do Brasil", kiun verkis lia granda amiko Prof. Everardo Backheuser. Jen ĝi estas: "Ĉiuj noblaj kaj neprofitemaj idealoj trovadis eĥon en la cerbo kaj en la koro de mia kara amiko. Mi memorigas Esperanton. Li estis sincera adepto de la "internacia lingvo" de D-ro Zamenhof. Kaj en multaj oportunajoj li povis batali por ĝi. Lian aliĝon al la proksima Kongreso de Esperanto li sendis ĝuste en la sama tago, en kiu la cerba sangalfluo lin faligis por ĉiam."

Al lia Familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

## RADIO KAJ ESPERANTO

La oficiala radistacio de la Komunumo PRD-5, ĉiujaŭde, je la 19a, regule disradias paroladetojn de propagando de la Deka Kongreso verkitajn de D-ro Mário Ritter Nunes, F-ino Maria da Luz Costa kaj aliaj esperantistoj, kaj la radistacio de la Ministerio de Edukado kaj Saneco, ĉiusabate, dum la "Universitata Horo", disradiata de la 19a ĝis la 19a kaj tri kvaronoj, disradias paroladetojn por Esperanto, verkitajn de la studento Onésimo de Faria. Antaŭas la disradiadon, kiel prefikso, la esperantista himno. Dum unu el la disradiadoj de tiu ĉi stacio F-ino Yara Coelho kantis diversajn kantojn en Esperanto.

O ESPERANTO — SINÔNIMO DE LÍNGUA UNIVERSAL

Sob o título: "Papiamento", linguagem de Curaçau — "Esperanto" do mar das Caraíbas, apareceu na publicação do escritório de Informações Holandesas intitulada "A Holanda na América — A Guiana e Curaçau" um artigo, do qual extraimos o seguinte: "Embora tenha sido chamado de dialeto o "papiamento" não é tal, absolutamentte. É uma espécie de "esperanto" das ilhas, a linguagem universal de todo o Território, a única que todos os seus habitantes compreendem, não importa quais sejam a sua raça e a sua nacionalidade".

A FEDERAÇÃO ESPÍRITA BRASILEIRA E O ESPERANTO

Do relatório apresentado à Assembléia Geral da Federação pelo seu Presidente consta a tradução de um trecho que figura no "Jarlibro de 1944", o qual transcrevemos em seguida: "Um dos frutos do 9.º Congresso Brasileiro de Esperanto foi a adesão ao Esperanto da Federação Espírita Brasileira, que lhe faz a propaganda em conferências, pela Rádio Transmissora, pelas colunas de seu órgão oficial "Reformador" e pela publicação e venda de livros por intermédio de sua Livraria, que presentemente pode ser considerada uma verdadeira livraria central esperantista, porque serve a Portugal e às Repúblicas Americanas. A Livraria distribui gratuitamente, principalmente às bibliotecas brasileiras, milhares de livros e brochuras. Ela publicou também compêndios em língua espanhola que vende e distribui gratis na Argentina e em outras repúblicas americanas. Em breve aparecerá uma nova edição do "Esperanto sem Mestre" e o "Dicionário Esperanto-Português", de autoria dos Srs. A. Couto Fernandes e Carlos Domingues".

LINGUA INTERNACIONAL

O 10.º Congresso Brasileiro de Geografia aprovou uma moção de apoio ao movimento esperantista, tendo feito votos para que os geógrafos, na divulgação de seus trabalhos, empreguem cada vez mais a língua internacional auxiliar.

Não é de hoje que acompanhamos, com a maior simpatia, através destas colunas, o progresso do Esperanto. Sabem os leitores que não deixamos passar nenhuma oportunidade de pôr em relêvo a excelência de uma língua que fosse capaz de acabar com a Tôrre de Babel em que se acham enclausuradas as raças humanas, desde que o mundo é mundo. A diversidade de idiomas nacionais contribui grandemente para criar rivalidades preocupações de hegemonia, suspeitas, ódios.

Quando, alguns anos após a primeira Grande Guerra, Aristides Briand sonhou a criação de uma Pan-Europa, um dos primeiros obstáculos em que esbarrou a sua doce utopia foi exatamente o problema da língua. Que língua deveria usar, com efeito, a Pan-Europa? A francesa, a inglesa, a italiana, a espanhola, a portuguesa? Qualquer que fosse a preferência, os descontentamentos seriam sempre muito grandes.

A América, sabem os leitores, é, sob tal aspecto, um continente privilegiado. Apesar da vastidão quase incomensurável das suas terras, sôbre as quais se estendem todos os climas e tôdas as raças, só possui três línguas nacionais: o inglês, o português e o espanhol. É muito fácil a um americano conhecer os três idiomas, trabalhando por esas fórma para a solidariedade continental, hoje penhor de tranquilidade para o mundo inteiro.

Voltando, porém, ao esperanto, aqui queremos consignar os nossos aplausos ao 10.º Congresso Brasileiro de Geografia, pela preocupação, que revela, de uma língua que seja uma espécie de traço de união entre todos os homens.

(Tópico do "Correio Paulistano" de S. Paulo, de 24 de Setembro de 1944).

## ESPERANTO ĈE POLICO



*S-ro Octaviano da Silva Lopes, kiu estas jus promociita, kiam li, kiel gvardiano n. 553, deĵoris ĉe la Palaco Itamarati, sidejo de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj, kun brakrubando enhavanta la verdan stelon kaj la vorton Esperanto. Tiam li funkciis kiel esperantlingva interpretisto*

# BRAZILA KRONIKO

PARÁ. — *Belém*. Aliĝis al la Deka Kongreso la "Historia kaj Geografia Instituto de Pará".

MARANHÃO. — *S. Luiz*. La gazeto "O Imparcial" publikigis noton pri la Deka Kongreso.

RIO GRANDE DO NORTE. — *Natal*. La gazetoj "A República" kaj "O Diário" aperigis notojn pri la Esperanto-movado kaj tiu ĉi artikolon de F-ino Maria do Socorro Monteiro titolitan "Mistera Sono". Vojaĝis al Cleveland, Usono, S-ro Pedro Machado de Matos, estrarano de la loka asocio, kie li restos du monatojn por vizitadi perfektigan kurson pri Meĥaniko.

PARAÍBA. — *João Pessoa*. "A União" publikigis alvokon de S-ro Arlindo Colaço urbestro de Alagoa Nova, antaŭe Laranjeiras, petantan libron por la biblioteko "Dr. Zamenhof".

PERNAMBUCO. — *Recife*. Ni ĵus ricevis la aŭgustan numeron de "Pernambuco Esperantista", kiu sur la unua paĝo per verdpresita artikoleto memorfestas la kvinan datrevenon de sia apero. Ĝi publikigas la Regularon de BLE pri la ekzamenoj de Esperanto, originalajn verkojn de Ismael Gomes Braga, Délio Pereira de Souza, Arlindo Castor de Lima, Moacir S. Cunha, M. Rodrigues Monteiro, Aldino de Freitas kaj F-ino Maria do Socorro Monteiro, poeziaĵojn de Francisco V. Lorenz kaj tradukaĵojn de Caetano Coutinho kaj Konstantino Nikolao Blaĉikov. Ĝi ankaŭ enhavas sian ĉiunumeran fakon "Kio estas la esperantista mondo?", kiu en portugala lingvo sciigas sian legantaron pri la ĉefaj faktoj en kaj ekster Brazilo, el kiuj ni citas la recenzon pri la apero de "Karlo". Al ĝia redaktorino, F-ino Artemiza V. de Araújo, filino de la karmemora Odilon V. de Araújo, niajn plej varmajn gratulojn kun la peto, ke ŝi ilin transdonu al siaj fervoraj kunuloj.

SERGIPE. — *Aracaju*. Aliĝis al la Deka Kongreso la "Historia kaj Geografia Instituto de Sergipe".

BAHIA. — *Salvador*. Orientita de Inĝ. Jaddo Couto Maciel vigle laboradas la "Esperanta Grupo de Bahia". Ni citas nur la ĉefajn faktojn. La 12an de Oktobro ĝi memorfestis sian okan datrevenon pere de kunsido ĉe la luksa salono de la Asocio de l' Duagradaj Lernantoj. Prezidis la kunsidon D-ro Artur Simas Saraiva, juĝisto. Faris la oficialan paroladon la malnova esperantisto D-ro J. Cana Brasil, kiu estas varme aplaŭdita. Ĝin publikigis la gazeto "O Estado de Bahia", dank' al bonvolo de sia sekretario, S-ro Fernando Oliveira. Post la ludado de la esperantista himno S-ro Jaddo Couto Maciel parolis pri la nuna stato de la Esperanto-movado, kiu, malgraŭ la milito, estas kontentiga. La prezidanteca tablo estis ornamita per la brazila kaj la esperanta flagoj, la busto de Zamenhof kaj naturaj floroj. D-ro Maciel donacis al la biblioteko de la Asocio kolekton da lernolibroj de Esperanto.

La jurnalo "Cidade do Salvador" aperigis bonegan intervjuon kun D-ro Couto Maciel, kiun ĝi ilustris per kliŝo de la belega broŝuro "Urbo Salvador". Alia grava jurnalo, "A Tarde", publikigis noton pri la kunsido de la Grupo kaj la aliĝo de la "Literatura Akademio de Bahia" al la Deka Kongreso. Tamen O. K. ankoraŭ ne ricevis la aliĝilon subskribitan de ĝi. Aliĝis al la Kongreso la "Centra Instituto de Ekonomia Helpo de Bahia".

Baldaŭ aperos la unua numero de la dua fazo de la bulteno "Esperantista Baiano", kiun ĵus registris la Departemento de Gazetaro kaj Propagando.

La Grupo festis la naskiĝan datrevenon de D-ro Zamenhof per disradiado farita ĉe la Radistacio Excelsior Bahia.

ESPÍRITO SANTO. — *Vitória*. Aliĝis al la Deka Kongreso la "Historia kaj Geografia Instituto de Espírito Santo".

ESTADO DO RIO. — *Niterói*. Aliĝis al la Deka Kongreso la "Legio de la Sankteca Koro de Jesuo".

*Petrópolis*. La "Petropolisa Esperanta Grupo" daŭrigis sian viglan propagandon per kursoj funkciantaj en la Lerneja Grupo Petro Dua kaj per la lokaj gazetoj.

Aliloke ni publikigas raporton pri la vizito farita de kelkaj dekoj da geesperantistoj loĝantoj en Rio de Janeiro al siaj Petropolisaj samideanoj.

*Campos*. La 22an de novembro estis inaŭgurita, ĉe la Lernejo Jesuo Kristo, kurso de Esperanto, kiun direktas S-ro Renato de Abreu. Li antaŭ nelonge ricevis la Ateston pri Lernado

*ESPERANTA ASOCIO DE RIO-GRANDE-DO-NORTE*



*De maldekstre dekstren. Starantaj: S-ro Luiz M. Alves ĝen. sek.; S-ro Robério dos Santos, bibl.; S-ro Valfredo Pereira da Silva, dua sek.; S-ro Arlindo Castor de Lima, unua sek. Sidantaj: P-ro Jerônimo dos Santos, prez.; F-ino Crimehilda dos Santos, kasistino*

post kurso funkciinta en la sidejo de "Brazila Klubo Esperanto". Ĝi estis la komenco de nova fazo de la "Societo Esperanta Lumo kaj Konkordo", fondita en la Jaro 1940 laŭ iniciato de Prof. Clovis Tavares. Ke ĝia dua fazo estu pli fruktodona ol la unua, estos nia deziro.

SÃO Paulo. — *São Paulo*. Granda entuziasmo regas nun ĉe la tiea esperantistaro. La kursoj malfermitaj en la sidejo de la "Teozofia Societo", je la 26a de junio kaj la unua de julio, donis bonegajn rezultatojn. Ilin direktis, respektive, S-roj Otto Kühne kaj Osvaldo Leite de Morais. Je la 21a de novembro okazis ekzamenoj, al kiuj sin prezentis 21 gelernantoj. Jen iliaj nomoj laŭ la aprobvico: Carlos Souza Pinheiro, Eugênia de Vasconcelos, René Ventura Sales, Tito de Barros Júnior, Ronan Castanheira, Vicentino Chiaradia, Amelia Levy, Antônio Azevedo Viana, Celso Marques Penteado Serra, Arnaldo Viana, Salvador de Moya, Waldemar Marizinski, Azalia Machado, Lydia Maria de Barros, Isabel Cintra de Barros, Agenor de Fraga Quitito, Ernesto Dias, José Reganatti, Adalberto Vass, Olindo Leonardi Baldin kaj Luiz Marino. La ekzamena tablo konsistis el S-roj: Geraldo de Azevedo — prezidanto, Osvaldo Leite de Morais kaj Mário Rodrigues Monteiro — ekzamenantoj kaj Armando Cambiaghi — sekretario. Antaŭ la ekzameno S-ro Mário R. Monteiro faris paroladeton pri la interna ideo de Esperanto kaj dankis la estraron de la "Teozofia Societo", kin ebligis la malfermon de la kursoj. Ĉiu ekzamenito ricevis la Ateston pri Lernado.

La tiea gazetaro montriĝas pli kaj pli favora al nia movado. Estas citinda unue "A Noite", kies direktoro S-ro Menoti del Pichia, tre simpatias Esperanton, kiu publikigis du longajn intervjuojn kun S-ro Genésio Pereira Filho, kiu antaŭ kelkaj jaroj faris bonegan propagandon en Jaboticabal, kaj kun S-ro Osvaldo Leite de Morais, nuna Prez. de la tiea Klubo. Ilustris la unuan multaj kliŝoj de esperantaj libroj, poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj kaj la duan fotografajo farita dum leciono de unu el tiuj kursoj. Krom tio, ĝi kaj la jenaj ĵurnaloj "O Estado de São Paulo", "Fôlha da Manhã", "Fôlha da Noite", "Diário de S. Paulo", "O Diário" kaj "Correio Paulistano" publikigis notojn kaj telegramojn pri la Deka Kongreso senditajn de la agentejoj "Nacional" kaj "Meridional". Tiu ĉi ĵurnalo aperigis ankaŭ bonan redakcian artikolon, kiun ni transskribas aliloke.

Je la 9a de decembro lasta okazis ĝenerala kunsido de "S. Paŭlo Esperanta Klubo", dum kiu oni elektis ĝian novan estraron, kiu konsistas el la jenaj personoj: S-ro Osvaldo Leite de Morais — prez., S-ro Mário Rodrigues Monteiro — vicprez., D-ro Tito de Barros Júnior — dir. de propagando, S-ro Geraldo de Azevedo — ĝen. sek., Kolonelo Salvador de Moya — unua sek., S-ro René Ventura Sales — dua sek., S-ro Armando Cambiaghi — kas., F-ino Amélia Levy — bibl., S-roj Antônio Azevedo Viana, Carlos de Sousa Pinheiro kaj Ronan Castanheira, S-inoj Isabel Cintra de Barros kaj Lydia Maria de Barros, D-ino Azália Machado kaj F-ino Eugênia de Vasconcelos — konsilantoj. La ekposedo de la estraro okazis je la 15a de decembro dum festo memoriga de la 85a naskiĝa datreveno de D-ro L. L. Zamenhof, kiu efektiviĝis ĉe la sidejo de la "Teozofia Societo".

Malferminte la kunsidon D-ro Tito de Barros Júnior, reprezentanto de la malnova estraro, invitis S-inon Jandyra Loureiro Rodrigues, por ke ŝi ludu fortepiane la himnon "La Espero", kies vortojn S-ro René Ventura Sales, dua sek., tradukis portugallingven post kelkaj klarigoj pri la teksto kaj muziko de la himno faritaj de D-ro Tito de Barros. Poste tiu ĉi deklaris enoficigita la nova estraro de la Klubo. Ĝia prez., S-ro Osvaldo Leite de Morais, legis interesan biografion de D-ro Zamenhof, kaj D-ro Oscar Bruno rememorante la Babelan Turon deklaris, ke Esperanto detruos la konfuzon, kiun ĝi kaŭzis.

Petinte la parolon S-ro inĝ. Aristóteles J. de Faria Alvim, fervora esperantisto el Belo Horizonte, tiam ĉeestanta la Kongreson de Industrio, salutis la lokan samideanaron en la nomo de la esperantistoj el tiu ĉefurbo. Antaŭ ol fermi la kunsidon D-ro Tito de Barros faris konsiderojn pri la valoro de Esperanto kiel internacia lingvo, dirante, ke la ideo altrudi al la mondo ian nacian lingvon estas antaŭdistinita al fiasko. Finiĝis la festo per la ludado de la esperantista himno. Dum la intertempoj inter paroladetoj S-ino Jandyra Loureiro Rodrigues kaj F-ino Alair Carneiro Machado plezurigis la ĉeestantaron ludante per fortepiano diversajn muzikaĵojn.

Al la bravaj kunbatalantoj el São Paulo niajn plej varmajn gratulojn.

Komisionoj el la Klubo vizitis la redaktejojn de la jenaj gravaj ĵurnaloj por ilin inviti por tiu festo: "Correio Paulistano", "O Estado de S. Paulo", "A Gazeta", "A Noite", "Folha da Noite" kaj "Diário da Noite". Ĉiuj publikigis detalajn informojn pri la elektado kaj ekposedo de la estraro de l' Klubo kaj aperigis fotografaĵojn de ĝiaj estraranoj. Dankojn!

Ĉe la komenco de januaro la Klubo malfermos novajn elementajn kaj superajn kursojn de la internacia lingvo.

*Santos*. La du tieaj grupoj daŭrigis sian viglan propagandon per kursoj kaj notoj en la gazetoj. La ĵurnalo "A Tribuna", kiu de longe estas simpatia al Esperanto, publikigis interesan intervjuon kun S-ro Lauro Jorge de Oliveira, Prez. de "Centro Esperantista de Santos", kies nuna adreso estas: Rua Paraguai, n.º 150. Tri novaj membroj de tiu ĉi Centro aliĝis al niaj Ligoj kiel MJ. Jen iliaj nomoj: S-roj Leonel Bogéa Nogueira da Cruz kaj Júlio Pinto Cerqueira kaj S-ino Ana Maria Tissot Mundel.

Kelkaj esperantistinoj deziras fondi virinan klubon.

*Botucatu*. Kiel rezultato de la donaco de esperantaj libroj faritaj de nia fervora samideano el la ĉefurbo S-ro Alcindo Brito al la instruistino S-ino Helena Perrone kaj letero sendita de S-ro Leonel Bogéa Nogueira da Cruz, lernejinspektoro en Kolegio Coração de Jesus, al S-ro Márcio Dias Cardoso, fondiĝis "Esperantista Klubo Bonaero", kies unua estraro konsistis el la jenaj personoj: Prof. Agostinho Minicucci — prez., S-ro Márcio Dias Pinto — vicprez., S-ro João Nunes Melilo — ĝen. sek., D-ro Nélson Franklin de Matos — unua sek., Instruistino Helena I. Molini Perrone — dua sek., kaj S-ro Álvaro França de Barros — kasisto. La sidejo de la Klubo estas en la Normala Lernejo, ligita al la Ŝtata Kolegio. Al ĝi, kiu deziras aliĝi al BLE, ni sendis informojn kaj esperantajojn. La loka gazeto "Fôlha de Botucatu" publikigis noton pri tiu esperantista organizaĵo, al kiu ni deziras fruktodonan vivadon.

PARANÁ. — *Curitiba*. La gazeto "O Dia" publikigis telegramon el Rio de Janeiro pri la Deka Kongreso.

RIO GRANDE DO SUL. — *Pôrto Alegre*. Laŭ klopodoj de S-ro Ari Zamora, sindona delegito de niaj Ligoj, aliĝis al tiuj ĉi la jenaj esperantistoj: S-roj Kolonelo Felisberto do Amaral Peixoto, kiel MA, D-ro Ildefonso da Silva Dias, kiel MJ, Antônio Teixeira Ellwanger, Lisippo José Rodrigues kaj José Martins, kiel AM. La aro de tiuj ĉi aniĝintoj aliĝis al la Deka Kongreso sub la nomo: "Curso de Esperanto Zamenhof da Federação Espírita do Rio Grande do Sul".

*Bagé*. La loka gazeto "Reação" publikigis artikolon titolitan "La Grandega Facileco de Esperanto".

*Vila S. Sebastião (Dom Pedrito).* Fariĝis delegito de IEL S-ro João Severo, prez. de la loka Esperanta Rondeto, kiu vigle laboradis dum la lasta jarkvarono pere de paroladoj faritaj de S-roj Carlos Silveira Nunes kaj José F. Leite, ekspozicioj kaj lecionoj en la sidejo, kaj de notoj aperintaj en loka gazeto kaj en "Ponche Verde", el Dom Pedrito.

MINAS GERAIS. — *Belo Horizonte.* La gazeto "Minas Gerais" aperigis notojn pri la Deka Kongreso. Revenis al tiu ĉi ĉefurbo S-ro Inĝ. Lincoln Martins Viana.

*Juiz de Fóra.* Je la 27a de oktobro nunjara, ĉe la sidejo de la Komerca Lernejo S. Jorge, fondiĝis "Clube Esperantista S. Jorge", kiu jam aliĝis al BLE kaj IEL, pere de S-roj Prof. S. Saléh — prez., Antônio Pepino da Rosa — sek., Joaquim Maurício, José Rodrigues Neto kaj F-ino Natalina Assis Silva. La kasistino de la klubo estas F-ino Dina Saléh. Ĉeestis ĝian inaŭguran kunsidon diversaj personoj, el kiuj ni citas S-ron Kapitanon Jorge Firmino de Sant'Ana. Jen la adreso de la klubo: Rua Barbosa Lima, 176. Caixa postal 136. Ke ĝi vivu longe estas nia deziro.

"Gazeta Comercial" publikigis notojn pri la Deka Kongreso.

RIO DE JANEIRO. Finiĝis la kurso, kiun direktis F-ino Maria do Amaral Malheiro. Du el ŝiaj gelernintoj estos ekzamenataj dum la monato januaro. Brazila Klubo "Esperanto" malfermis en sia sidejo alian kurson, kiun gvidas ĝia Honora Prezidanto, S-ro A. Couto Fernandes.

En la sidejo de "Associação Esperantista do Meyer", sur Strato Arquias Cordeiro, 295 — sob., Meyer, funkcias supera kurso direktata de S-ro A. Caetano Coutinho kaj du elementaj, kiujn gvidas S-roj Délio Pereira de Sousa kaj Arnaldo Gonçalves Pires. Laŭ iniciato de tiu Asocio okazis ekskursoj al Petrópolis, Saco de S. Francisco kaj Corcovado. Pri la unua, kiun partoprenis multaj geanoj de BLE, ni detale parolas aliloke. En ĝia sidejo okazis ankaŭ socia, bonhumora kaj virina kunsidoj. Por memorigi la 85an naskiĝan datrevenon de D-ro Zamenhof ĝi organizis "Zamenhofan Semajnon", kiu konsistis precipe el paroladoj kaj muzikaĵoj. Pri la Festo okazinta en la Nacia Muzika Lernejo ni publikigas specialan artikolon.

La 19an de decembro tiu Asocio efektivigis ĝeneralan kunsidon, dum kiu oni decidis ŝanĝi ĝian nomon, kiu estas nun: ASSOCIAÇÃO ESPERANTISTA DO RIO DE JANEIRO. Jen ties nova estraro: Prez. — S-ro Délio Pereira de Souza, ĝen. sek. — S-ro Octaviano da Silva Lopes, unua sek. — S-ro Nelson Pereira de Souza, dua sek. — S-ro José Gomes Braga, ĝen. kas. — S-ro Arnaldo Gonçalves Pires, helpkas. — S-ro Celso Alves Rosa. La Asocio intencas translokiĝi al la urba centro.

S-ro Roberto das Neves, ano de tiu asocio kaj fondinto de "Portugala Instituto de Esperanto" faros en la komenco de januaro, ĉe la sidejo de la "Kristana Asocio de Junuloj", paroladon pri "la postmilita helplingvo" kaj malfermos kurson de Esperanto.

Je la 14a de oktobro, naskiĝtago de S-ro Osvaldo Diniz Magalhães, direktoro de la "Gimnastika Horo", ĉiutage disradiata de la stacio de "Rádio Nacional", multaj geesperantistoj ĉeestis la feston tie okazintan je lia honoro. La prez. de BLE sendis al li gratulan telegramon.

La gazetoj "Jornal do Comércio", "O Globo", "Diário de Notícias", "Brazilian American", "A Noite", "A Manhã", A Vanguarda", "Correio da Manhã" kaj "Jornal do Brasil" publikigis notojn pri la Deka *Brazila Kongreso de Esperanto.* "O Globo" aperigis intervjuon kun la prezidanto de BLE. "Juventude Unida", oficiala bulteno de la "Internacia Societo de Studantoj", kies direktoro estas S-ro Neyzir A. Couto, invitis S-ron Haroldo Leite Pinto por krei en tiu bulteno Esperantan Fakon. Ĝi publikigis alvokon de S-ro Nelson Pereira de Souza al la societanoj.

"Reformador", krom diversaj notoj por Esperanto kaj artikoloj pri la libro "Voĉoj de Poetoj el la Spiritoj", aperigis artikolon de S-ro Onésimo de Faria titolitan "Opinio pri Esperanto kaj..."

"Jornal do Brasil" publikigis tre bonan artikolon pri Prof. Jônatas Serrano, el kiu ni elĉerpis kaj tradukis esperanten pecon pri lia aliĝo al nia Deka.

Revista Taquigráfica" publikigis bonegan artikolon pri la Deka Kongreso kaj la duan cirkuleron de ties Organiza Komitato.

Dum lia restado en Rio de Janeiro vizitis nian sidejon la malnova kaj fervora samideano D-ro Benjamim Camozato.

# LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA

Aderiram nos meses de abril a dezembro à LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA e portanto, à INTERNACIA ESPERANTO-LIGO as seguintes pessoas:

Como sócio MJ: Sr. Henrique Maurício e Dr. Teobaldo Recife, do B. K. E.; Sr. Vergílio Guaianás de Souza, da *Associação Esp. do Meyer;* Dr. Berguedof Elliot, de *Recife, Pernambuco;* Dr. Orlando Borges Bahia, do *Esperanta Grupo de Bahia, Salvador, Bahia;* Sr. Capitão Jorge Firmino de Sant'Ana, de *Juiz de Fóra, Minas Gerais;* Srs. Vital Brunckenn Schmidt, Júlio Pinto Cerqueira, Leonel Bogéa Nogueira, e D. Ana Maria Tissot Mundel, do *Centro Esperantista de Santos, Santos, Est. São Paulo.*

Como sócio simples (AM): D. Lúcia L. de A. de Noronha e Sr. Carlos Pedrosa; senhorita Teresinha Maia Costa, Srs. Francisco Ferreira do Vale, Plácido Cruz Macedo e Padre Aluísio de Castro, do *Grupo Esperantista* de *Limoeiro, Limoeiro, Ceará;* Srs. John Stirling, Delecarlindo Vilar e Tenente José Manoel Wanderley Filho, da *Associação Esp. do Rio Grande do Norte, Natal;* Sr. Mário Pereira Duarte, do *Esperanta Grupo de Bahia, Salvador;* Engenheiro Lincoln Martins Viana, de *São Paulo;* Sr. Celso Boris Eston, de *Pelotas, Rio Grande do Sul;* Sr. Carlos Guilherme Corrêa, do *Esperanto-Rondeto de S. Sebastião, Rio Grande do Sul;* Dr. Francisco Manoel da Rocha, Àicor Sáitare Nunes, Manuel Bragança Santos, Ranulfo Gomes e Antônio Guerra Peixe, do *Esperanta Petropolisa Grupo,* de *Petrópolis, Est. do Rio;* Srs. Giovanni Miuscovich, do *Grupo Esp. "H. de Campos', Belo Horizonte, Minas Gerais;* Sr. Allan Kardec A. Costa, sócio isolado desta cidade; Srs. Fernando de Melo Leite, Geraldo Magela Cantalice, João de Souza Libório e D. Margarida Souza Franco Lopes, da *Assoc. Esp. do Meyer, Rio de Janeiro;* Sr. Antônio T. Corrêa Leite, de *Rio Preto, Est. S. Paulo;* Srs. Heitor V. C. Faria, Hormínio Pereira Mendes, João Gomes Bezerra e Constantino Lopes Rodrigues, de *Campo Grande, Mato Grosso;* Sr Coronel Salvador de Moya, D.D. Amélia Levy, Eugênia de Vasconcelos e Isabel Cintra de Barros; Srs. Antônio Azevedo Viana, Daniel Prado, Hermínio Pedrosa, José Raganatti, Luiz Marino e Siegfried Lehfeld, Doutora Azália Machado Dias, Srs. Adalberto Vass, Carlos Langendoerfer, Olindo Lonardi Boldin, Renê Ventura Sales, Ronan Castanheira, Tito de Barros Júnior, Waldemar Marozinski, Zeferino Fernandes, José Cardoso de Oliveira e Agenor da Fraga Quitito, do *S. Paulo Esperanta Klubo;* Srs. Orvile Derby A. Dutra, José de Oliveira, Marcos Martins do Couto e Cristovão Colombo Milagres, do *Centro Esperantista de Juiz de Fóra, Juiz de Fora, Minas Gerais;* Srs. Professores Irineu Guimarães, Vitório Bergo, Jurandy José Monteiro e Júlio Camargo e Sr. Adir Pontes Sette, do *Centro Esperantista Granberyense, Juiz de Fora, Minas Gerais.*

Aderiram também como AM os Srs. Rubin Falk, de *New Falk, Estados Unidos,* e Saemundur V. Fossdal, de *Reykjavik, Islândia.*

A Senhorita Débora do Amaral Malheiro ,desta Capital, aderiu à Liga Esperantista Brasileira como sócia benfeitora.

Durante o ano de 1944 pagaram suas quotas à BLE IEL 266 sócios, sendo: 5 MS, 29 MA, 69 MJ e 163 AM.

# KAIN

*"Kaj la Eternulo diris al Kain: Kie estas via frato Habel?"*

Mateno en la Paradizo. La naturo ŝajnas palpebrumi sur la horizonto, kaj la suno iom post iom leviĝas.

La tagamaj estaĵoj komencas promenadi en la ĝardeno. Grandaj skvamaj bestoj malrapide marŝas tra arboj, inter ŝtonoj; molaj korpoj ĉie serpentumas; akraj sibloj, minacaj kaj plendaj blekoj ŝancelas la aeron.

Elirinte el sia rokaĵo, Kain staras kaj iel pensas pri tiu nedifinebla bruado. Li sentas, ke tiuj voĉoj, precipe la rampulaj sibloj, sonas al li ĉiam karese en la oreloj, kaj li mem ja plej ofte blekas, jen por voki sian fraton, jen por timigi aliajn pli malfortajn bestojn. Li tamen ne scias, kial hodiaŭ la bestvoĉoj tiel dolĉe, tiel revige susuras.

Habel preterpasas petole rajdante tre grandan sendanĝeran kapron, kaj la sibloj ankoraŭ pli dolĉaj, pli revigaj ŝajnas al la oreloj de Kain. Kial? Tiu kapro estas posedaĵo de Kain, kiel cetere ĉio en la Paradizo. Kain ne estas freneza, tute ne. Li sentas sin ĉiam ŝtelita, kiam la mano de lia frato ion ajn tuŝas. Tio okazas ekde nokto fulmotondra...

———

Kaj tiu kruta ŝtonego, kiun serpento unu fojon tiel elegantemove grimpis, vokis al si la atenton de Kain, kiu siavice nun suprengrimpis al ĝi. Tie malsupre estas abismo, kie bolantaj malhelaĵoj bruetas malgajige. Rigardante ĉien, flanken kaj antaŭen, la knabo nenion vidas krom vaporo, vaporo eliĝanta el la ĉie bolantaj malhelaĵoj. La vido plaĉis al Kain, kaj li gestvokis la fraton, kiu lin atente rigardadis de ie proksime.

Per brako etendita al la senfina vaporiĝa ebenaĵo Kain volas vidigi al sia frato, ke tio estas mirinda afero. Al Habel tamen tiu vidaĵo estas iel sveniga, kaj li ekfermas la okulojn. Por momento Kain glitigas sian rigardon sur la fermitajn okulojn de Habel, kaj subite ekmemoras pri fulmotondra nokto, kiam Habel, trompiĝe enirinte lian liton en la roko, tie tute flegme dormadis.

Kain ektremas, malamo vekis la koleron, kaj unu el liaj manoj ĉirkaŭrompe venas sur la vizaĝon de Habel. Ambaŭ ruliĝas sur la ŝtona grundo, sed Habel, kvankam brave sin defendinte kontraŭ la neatendita atako, vundite ĉefe de la surprizo, jen defalis malsupren de la ŝtonego.

Kain antaŭenkliniĝis kaj iom melankolie rimarkas, ke la frato, ruliĝinte de akraĵo akraĵen, pereis abismen for.

———

Grandaj, strangaj arboj staras sur vasta malebenejo en la Paradiza ĝardeno. El iliaj trunkoj eliĝas fortikaj, miloble kurbiĝintaj branĉoj senfoliaj, kiuj senĉese moviĝadas alten kaj grunden, kvazaŭ ili ĉiam jesus al la burĝoniĝinta demando pri eterneco. Inter la branĉoj de tiuj plantegoj flugas malvarma, plej malvarma aero ruste odoranta. Kaj meze en tiu arbaro grandaj homformaj ombroj baraktadas konfuze, spasmece, kiel se ilin skurĝus la ĉiam jesantaj branĉoj. Malĝojiga estas rigardi, kiel la ombroj turniĝadas unu al la alia, kun la piedoj katenitaj al la malhela grundo. Ŝajnas, ke ili interpretas helpon kontraŭ la stranga potenco. Sed la branĉoj senaŭskulte, senaŭde pluas jesadi alten, grunden; supren, malen.

———

"Jen estas" — ektondras obtuze en la ĝardeno — "Jen estas la arboj de la vivo, la plantoj de l' Jarcentoj".

Estas malgranda paŭzo. Aŭdiĝas nur la vento de l' Eterneco fajfanta tra la Jarmilaj branĉoj.

Perforte enpuŝite en la arbaron, Kain ŝanceliĝas sur la piedoj, kvazaŭ ebriulo, kaj rigardas malespere la aeron, el kiu venas kavsona voĉo:

— "Kie estas via frato Habel?"

Fariĝas denove ŝtoneca silento. Nur fajfas la vento, la branĉoj grincas. Kain plue rigardas la aeron, kaj ektremas.

— "Ci, Kain, endormiĝu por eterne en la ombro de la arboj, kiujn ci vidas. Estas ja necese, ke ci ne vagadu en la ĝardeno de Dio, por ke la Vivo ne tute endanĝeriĝu. Dormaden!"

Kain kuŝiĝis en la ombro de la jarcentoj. Kaj ofte li sonĝas teruran sonĝon...

*Aldino de Freitas*

## CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO - RIO DE JANEIRO - ABRIL DE 1945

**(continuação)**

110 — Sr. Capitão Jorge Firmino de Sant'Ana — Juiz de Fóra. Minas Gerais.
111 — Sr. Dr. J. X. Marques do Couto Júnior — Rio de Janeiro.
112 — Sr. João Correia Severo — São Sebastião. Rio Grande do Sul.
113 — Sr. Durval Gomes de Oliveira — Belo Horizonte. Minas.
114 — Sociedade Beneficente Vieira Pacheco — Rio de Janeio.
115 — Centro Cultural Lima Barreto — Rio de Janeiro.
116 — Instituto La-Fayette — Rio de Janeiro.
117 — Sr. Targino Soares — Mossoró Rio Grande do Norte.
118 — Dr. José Paulino Alves Júnior — Cidade de Muniz Freire. Espírito Santo.
119 — Sta. Maria Helena Albuquerque da Silveira — Rio de Janeiro.
120 — Dr. Francisco de Sales Montelo — S. Luiz. Maranhão.
121 — "Arcádia", revista da Acad. de Leras da Faculdade de Direito da Universidade de São Paulo. São Paulo.
122 — Sr. Waldemiro S. Rangel — Rio de Janeiro.
123 — Verda Stelo Esperanta Grupo — Baturité. Ceará.
124 — Sr. Júlio Pinto Cerqueira — Santos. Est. São Paulo.
125 — Sr. Leonel Bogéa Nogueira da Cruz — Santos. Est. S. Paulo.
126 — Instituto Central de Fomento Econômico da Bahia — Salvador. Bahia.
127 — Sr. René Estevam Deckers — Catalão. Goiaz.
128 — Sr. José Pamphirio Rosa — Sta. Rita do Sapucaí. Minas Gerais.
129 — Sr. Otílio Naves — Araguarí. Minas Gerais.
130 — Sr. Paulo Guilherme Neto — Vila S. Sebastião. Rio G. Sul.
131 — Prof. Dr. Everardo Backheuser — Rio de Janeiro.
132 — Sr. Carlos S. Pereira — D. Pedrito. Rio Grande do Sul.
133 — Sr. Levino Fánzeres — Rio de Janeiro
134 — Sta. Martha Cruz Giannini — Rio de Janeiro
135 — D. Geraldina Cruz Ferreira — Rio de Janeiro.
136 — Sta. Rosa Cruz Ferreira — Rio de Janeiro.
137 — D. Margarida Cruz Giannini — Rio de Janeiro.
138 — União Católica Brasileira — Rio de Janeiro.
139 — Sr. John R. Domas — San Diego 10, California — Estados Unidos.
149 — Sta. Iracema Alvares Coelho — Rio de Janeiro.
141 — Sr. Antônio T. Corrêa Leite — Rio Preto. Est. São Paulo.
142 — Sr. Osvaldo Leite de Morais — São Paulo. Est. São Paulo.
143 — Sr. Hermes Pitta — Salvador. Bahia.
144 — Sr. Ernesto Alvarez — Salvador. Bahia.
145 — Sr. Adherbal Novis — Salvador. Bahia.
146 — Sr. Juvenal Costa — Salvador. Bahia.
147 — Sr. Szaul Rower — Salvador. Bahia.
148 — Sr. Ulisses Cuiabano — Cuiabá. Mato Grosso.
149 — Instituto Histórico e Geográfico do Espírito Santo — Vitória E. Santo.
150 — Sr. Alcindo Brito — São Paulo. Est. São Paulo.

151 — Sr. Renato Rafael Flores — Tatuí. Est. São Paulo.
152 — Eng. Ildefonso da Silva Dias — Pôrto Alegre. Rio G. Sul.
153 — Sr. José Augusto Henriques — Santos. Est. São Paulo.
154 — Sta. Hermínia Magalhães — Niterói. Est. do Rio de Janeiro.
155 — Sr. Antônio José Vaz — Rio de Janeiro.
156 — Sr. Sílio Vaz — Rio de Janeiro.
157 — D. Carolina Vaz — Rio de Janeiro.
158 — Loja "Evolução" (Loja maçônica) — Rio de Janeiro.
159 — Dr. Joaquim Eugênio de Lima Neto — São Paulo. Est. São Paulo.
160 — Dr. José Paulo de Macedo Soares — São Paulo. Est. S. Paulo.
161 — Dr. José Rubens de Macedo Soares — Jacareí. Est. S. Paulo.
162 — Dr. José Pedro Leite Cordeiro — São Paulo. Est. S. Paulo.
163 — Dr. Lourival Santos — Campos do Jordão. Est. S. Paulo.
164 — Sr. Maércio Ribeiro de Mendonça — Jacareí. Est. S. Paulo.
165 — D. Nelly de Macedo Soares — São Paulo. Est. S. Paulo.
166 — S. Paulo Esperanta Klubo — São Paulo. Est. S. Paulo.
167 — Instituto Genealógico Brasileiro São Paulo. Est. S. Paulo.
168 — Sr. Igor Dolgorukij — São Paulo. Est. S. Paulo.
169 — Sr. Newton Ceratti — São Paulo. Est. S. Paulo.
170 — Sr. Nelson Salviati — São Paulo. Est. S. Paulo.
171 — Dr. Venâncio da Silva — Rio de Janeiro.
172 — Sr. Genésio Pereira Filho — São Paulo. Est. S. Paulo.
173 — Eng. Aristóteles Juvenal de Faria Alvim — Belo Horizonte. Minas Gerais.
174 — Eng. José Dias Vieira — Belo Horizonte. Minas Gerais.
175 — Eng. Dilermando Teixeira — Belo Horizonte. Minas Gerais.
176 — Sr. Luís Anacleto Silos — Belo Horizonte. Minas Gerais.
177 — Sr. Misael Alves Mendes — Belo Horizonte. Minas Gerais.
178 — Sr. Oscar Dias Vieira — Belo Horizonte. Minas Gerais.
179 — Sr. Antônio Aleixo Martins — Belo Horizonte. Minas Gerais.
180 — Sr. Adolfo Aleixo Martins — Belo Horizonte. Minas Gerais.
181 — Sr. Cândido Ubaldo González — Belo Horizonte. Minas Gerais.
182 — Sr. Giovanni Miuscovich — Belo Horizonte. Minas Gerais.
183 — Sr. Edgard José Dutra — Belo Horizonte. Minas Gerais.
184 — Grupo Esperantista "Humberto de Campos" — Belo Horizonte. Minas Gerais.
185 — União Espírita Mineira — Belo Horizonte. Minas Gerais.
186 — Sr. Geraldo Penteado Miranda — Rio de Janeiro.
187 — Curso de Esperanto "Zamenhof" — Porto Alegre. Rio G. Sul.
188 — Sr. Ari Zamora — Pôrto Alegre. Rio Grande do Sul.
189 — Sr. Edmundo da Silveira Flores — Conquista. Bahia.
190 — Sr. Edu Severo — São Sebastião. Rio Grande do Sul.
191 — Sr. Policarpo Severo — São Sebastião. Rio Grande do Sul.
192 — Sr. Sebastião Almeida Oliveira — Tanabi. Est. S. Paulo.
193 — Legião do Sagrado Coração de Jesus de São Lourenço — Niterói. Est. do Rio.
194 — Dr. Benjamin Camozato — Pôrto Alegre. Rio Grande do Sul.
195 — Clube Filatélico do Brasil — Rio de Janeiro.
196 — Sociedade Filatélica Rio Grandense — Pôrto Alegre. Rio Grande do Sul.
197 — Sr. Rosaldo Guimarães Carneiro — Salvador. Bahia.
198 — Petropolisa Esperanta Grupo — Petrópolis. Est. do Rio.
199 — Sr. José Varanda — Petrópolis. Est. do Rio.
200 — Sr. Manoel Bragança — Petrópolis. Est. do Rio.
201 — Sr. Mário Rodrigues Monteiro — São Paulo. Est. S. Paulo.
202 — Sta. Débora do Amaral Malheiro — Rio de Janeiro.
203 — Sta. Rosa do Amaral Malheiro — Rio de Janeiro.
204 — Sr. Carlos Pedrosa — Rio de Janeiro.
205 — Eng. Henrique E. Couto Fernandes — Rio de Janeiro.
206 — Sr. Armando Cambiaghi — São Paulo. Est. S. Paulo.
207 — Sr. Carlos Costa Pinto — Anápolis. Goiaz.
208 — Sr. Antônio L. Teixeira de Freitas — Rio de Janeiro.
209 — Sr. Renato Americano — Rio de Janeiro.
210 — Sr. Joaquim Viana — Niterói. Est. do Rio.
211 — Dr. Maciel Pinheiro — Rio de Janeiro.
212 — Dr. Gastão Cintra — Rio de Janeiro.
213 — Instituto Histórico e Geográfico do Pará — Belém. Pará.
214 — Confederação Católica Brasileira de Educação — Rio de Janeiro.
215 — Sociedade de Engenharia da Prefeitura do Salvador — Salvador. Bahia.
216 — Dr. Orlando Borges Bahia — Salvador. Bahia.
217 — Sr. Victor Miniero — Salvador. Bahia.
218 — Sr. Ademar de Almeida Senna — Salvador. Bahia.
219 — Eng. Achiles Pereira Fróes — Salvador. Bahia.
220 — Eng. Ademar Tôrres Brandão — Salvador. Bahia.
221 — Eng. Gustavo Maia — Salvador. Bahia.
222 — Eng. Lauro de Andrade Sampaio — Salvador. Bahia.
223 — Sr. Murilo Furtado — Rio de Janeiro.
224 — Instituto Histórico e Geográfico Brasileiro — Rio de Janeiro.
225 — Sr. Otto Kühne — São Paulo. Est. S. Paulo.
226 — Sr. Geraldo de Azevedo — São Paulo. Est. S. Paulo.
227 — Sr. Ronan Castanheira — São Paulo. Est. S. Paulo.
228 — Sr. Paulino Santiago — Maceió. Alagoas.
229 — Sociedade Filatélica Pontagrossense — Ponta Grossa. Paraná.
230 — Sr. Antônio Augusto de Oliveira — Cornélio Procópio. Paraná.
231 — Sr. Radamés Moreira — Rio de Janeiro.
232 — Sr. Constantino Nicolau Blaschikoff — Rio de Janeiro.
233 — Instituto de Professores Públicos e Particulares — Rio de Janeiro.
234 — Sr. Diderot Freitas — Rio de Janeiro.
235 — Sr. Jozefo Jo.els — Rio de Janeiro.
236 — Sr. Platão Martins — Rio de Janeiro.
237 — Sr. Mário Pereira Duarte — Salvador. Bahia.
238 — Dr. João Sales Brito Machado — Salvador. Bahia.
239 — Sr. João Crisóstomo Peixe — Salvador. Bahia.
240 — Sr. Luiz Soares Rosado — Salvador. Bahia.
241 — Dr. Humberto Pacheco de Miranda — Salvador. Bahia.
242 — Dr. Antonino de Oliveira Dias — Salvador. Bahia.
243 — Sr. Eraldo de Albuquerque Veloso — Salvador. Bahia.
244 — Dr. Tito de Barros Júnior — São Paulo. Est. S. Paulo.
245 — Sr. Antônio Vieira de Macedo — São Gonçalo. Est. do Rio.
246 — "A São Paulo" Companhia Nacional de Seguros de Vida — São Paulo. Est. S. Paulo.
247 — D. Maria Celina Macedo Soares Moura Brasil do Amaral — Rio de Janeiro.
248 — D. Lúcia Maria Macedo Soares Moura Brasil do Amaral — Rio de Janeiro.
249 — Círculo Católico — Rio de Janeiro.
250 — Dr. Domingos Barbosa — Rio de Janeiro.
251 — Centro Filatélico do Rio Grande Rio Grande. Rio G. do Sul.
252 — Mundial Clube (Sociedade Carto-Filatélica Internacional). — João Pessoa. Paraíba.
253 — Cabana de Pai Tomé do Senhor do Bomfim — Rio de Janeiro.
254 — Dr. Jaime Martins de Souza — Juazeiro. Bahia.
255 — Dr. Luiz de Azevedo Coutinho — Belo Horizonte. Minas Gerais.
256 — Sr. João Sabino Bueno — Quaraí. Rio Grande do Sul.
257 — Sr. Gustavo Viana — Santo Amaro. Bahia.
258 — Sr. Almiro Ribeiro Avelino — Piracuruca. Piauí.
259 — Sr. Tomaz Tenório Vila Nova — Recife. Pernambuco.
260 — Sr. Augusto Pôrto — Recife. Pernambuco.
261 — Dr. Paulo Acioli Pimentel — Recife. Pernambuco.
262 — Dr. Luiz de Oliveira Periquito Fortaleza. Ceará.
263 — D. Aulete Luiz de França Caldas — Recife. Pernambuco.
264 — Sr. Américo de Sá e Albuquerque — Recife. Pernambuco.
265 — Sta. Iracema Ferreira Pires — Recife. Pernambuco.
266 — Sta. Teresa Barreto Silva — Recife. Pernambuco.
267 — D. Carmesina Monteiro de Araujo — Glória de Goitá — Pernambuco.
268 — Grupo Esperantista de Limoeiro — Limoeiro. Ceará.

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

( *Liga Esperantista Brasileira*)

DIRETORIA

**Presidente perpétuo** — Eng. Alberto Couto Fernandes.

**Vice-presidente** — Dr. Carlos Guimarães Domingues.

**Secretário geral** — Prof. João B. de Mello e Souza.

**1.º Secretário** — Dr. Mário Ritter Nunes.

**2.º Secretário** — Senhorita Iraní Baggi de Araujo.

**Tesoureiro** — Sr. Odilo Pinto.

---



---

**Guia de Conversação Português Esperanto e Correspondência Comercial**

Compilado por *Ismael Gomes Braga*

Editado pela LIVRARIA EDITORA DA FEDERAÇÃO E. BRASILEIRA — Av. Passos,, 30. Rio-de-Janeiro. — Preço: 4$000.

Livro indispensavel a todo esperantista que deseja aperfeiçoar-se na conversação e correspondência com *samideanos* estrangeiros.

---

**BONVOLU PAGI VIAN KOTIZON POR LA NUNA JARO**

## Grupoj Aliĝintaj al B. L. E.

BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906). Sidejo: *Praça da República, 54. Rio de Janeiro*. Tel: 42-4357.

CENTRO ESPERANTISTA DE SANTOS (1931). Sidejo: *Rua Paraguai, 150. Santos. Est. São Paulo.*

ESPERANTA GRUPO DE BAHIA. (1936). Sidejo: *Rua Bangala, 18. Salvador. Bahia.*

S. PAŬLO ESPERANTA KLUBO. (1937). Sidejo. *Rua S. Bento, 18 — 1.º andar. São Paulo. Est. S. Paulo.*

PERNAMBUKA ESPERANTO-ASOCIO. (1937). Sidejo: *Rua Gomes Coutinho, 318. Recife. Pernambuco.*

ESPERANTA ASOCIO DE RIO-GRANDE-DO-NORTE. (1940). Sidejo: *Rua Borburema, 1.032. Natal. Rio Grande do Norte.*

GRUPO ESPERANTISTA DE LIMOEIRO. (1940). Adreso: *Caixa postal, 73. Limoeiro. Ceará.*

GRUPO ESPERANTISTA "HUMBERTO DE CAMPOS". (1940). Sidejo: *Av. Afonso Pena, 740-sala 6. Belo Horizonte. Minas Gerais.*

CENTRO ESPERANTISTA DE JUIZ DE FORA. (1940). *Rua Santo Antônio, 110. Sob. Juiz de Fora. Minas Gerais.*

CENTRO ESPERANTISTA GRANBERYENSE. (1940). *Instituto Granbery. Juiz de Fora. Minas Gerais.*

GRUPO ESPERANTISTA "FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ". (1940). Caixa postal, 777. *Rua Henrique Porchat, 4. Santos. E. de São Paulo.*

ESPERANTO-RONDETO DE S. SEBASTIÃO. (1941). Sidejo: *Vila S. Sebastião. D. Pedrito. Rio-Grande-do Sul.*

ASSOCIAÇÃO ESPERANTISTA DO MEYER. (1942). *Rua Arquias Cordeiro, 295-sob. Meyer. Poŝtkesto* 3677. *Rio-de-Janeiro*. Tel. 29-4581.

ESPERANTISTA KLUBO DE FLORIANÓPOLIS. (1943). Departamento Estadual de Estatística. *Florianópolis. Santa Catarina.*

PETROPOLISA ESPERANTA GRUPO. (1944). *Grupo Escolar Pedro II. Av. 15 de Novembro, Petrópolis, Est. do Rio.*

CLUBE ESPERANTISTA S. JORGE. (1944). Caixa postal 136. *Juiz de Fóra. Minas Gerais.*

---

Adiram ao



**Décimo Congresso Brasileiro de Esperanto**

---



---



---



**Presejo: Irmãos Pongetti.**